# BULTENO
de la Internacia Federacio de Esperantistaj Fervojistoj

Sekretariejo: Orteliusstraat 108III Amsterdam
Redaktejo: von Liebigweg 26 Amsterdam


## KORAN BONVENON AL BEFA

Kiel rezulto de la senlacaj preparaj laboroj de nia diligenta amiko L. de Bruyne, okazis en Bruselo, la 4an de septembro ĉijare, la stariga kunveno de la Belga Esperantista Fervojista Asocio. Montriĝis ke sinjoro Bruyne plene sukcesis entuziasmigi multajn amikojn per sia neŝanĝebla idealismo.
Dek ses anoj estas la bela rezultato de liaj obstinaj klopodoj.
En la stariga kunveno elektiĝis la estraro por BEFA, kaj la lokaj reprezentantoj. Post tio oni ellaboris planojn por kursgvidado kaj propagando.
Nomojn kaj adresojn de la elektita estraro ni presigas aliloke en ĉi tiu Bulteno.

En la vespero s-ro De Bruyne raportis pri la kunveno en sia gastama hejmo. Kun granda interesiĝo kelkaj ĵus alvenintaj ĉefestraranoj aŭskultis la raporton, kaj mirege ili konstatis, ke eĉ la kvarjaraj gefiletoj perfekte parolas nian lingvon.

Ni ŝuldas tutkoran dankon al s-ro De Bruyne pro lia idealisma ekzemplo, kaj ni kore bonvenigas BEFA en niajn vicojn.
VIVU IFEF !!

La Estraro.

## EL LA RAPORTO PRI LA OFICIALA STARIGO DE BEFA

De post la unua, ne-oficiala, renkontiĝo de la belgaj IFEF-anoj okazinta la 16an de majo ĉijare en bruselo, jam multe estas farita por la starigo de la belga filio de IFEF.

La BEFA-pioniroj povas fieri pro la akiritaj rezultoj. Ili pruvis ke la komencita laboro estas daŭrigebla kaj daŭriginda.

Tial ankaŭ la provizora estraro de BEFA kunvenis duan fojon por oficiale, starigi la belgan filion de IFEF, priparoli kaj organizi la estontan aktivecon.

La dua, nun oficiala, kontakto okazis la 4an de septembro en la brusela Suda Stacidomo. La kunvenoj okazis en la konferencejo situanta en la konstruaĵo de la stacidoma Direkcio.

Koran dankon ni ŝuldas al la Direkcio, la stacidomĉefo s-ro Parmentier kaj speciale al la estraro de IFEF, kiu ĉeestis la starigon, kaj al niaj en- kaj eksterlandaj kolegoj, kiuj persone aŭ per sendo de studmaterialo kunlaboris al la sufiĉe grava okazaĵo.

La BEFA-estraro.

## AL LA ADOPTANTOJ DE ĈEĤOSLOVAKAJ KOLEGOJ

La jaro 1952a jam iom post iom atingas sian finon, kaj niaj membroj estos petataj pagi sian kotizon por la jaro 1953a.
Ni urĝe petas al niaj gekolegoj plenumi tion akurate, por ke ne estiĝu temporaba kaj multekosta korespondado.
Ne forgesu pagi la kotizon ĝustatempe al via landa kasisto. Per tio vi grave plifaciligas la laboron de la kasisto kaj sekretario de IFEF.
Ĉiuj 1140 IFEF-anoj do pagu ĝustatempe la kotizon kaj aldonu adreson de nova membro, por ke la membronombro duobliĝu. Interkonsentite?

La adoptintoj de Ĉeĥoslovaka kolego aparte sciigu al la sekretario de IFEF ĉu ili estos pretaj adopti la kolegon Ĉeĥoslovakan ankaŭ por la jaro 1953a.

La sekretario de IFEF.

## PRO JUVENTUTO PETAS HELPON

Amsterdamo, tiu granda urbo, estas konstruita sur fostoj. Se iam tia urbo disfalus, de kiu estus pagataj la domaĝoj ?

Karaj amikoj, jen malnova rimeto. Eble vi estis iam en Amsterdamo, kaj ĝuis plene la belegajn konstruaĵojn, stratetojn kaj kanalojn.

Estas kompreneble, ke ni, nederlandanoj, fieras pri nia ĉefurbo kaj prave oni parolas en nia malgranda lando pri tiom granda urbo. Al vi mi povas multe rakonti pri Amsterdamo kaj ĝia historio, sed ĉifoje mi preferas tuŝi seriozan temon pri Amsterdamo en la nuna tempo.

Ĉu ni venas al Londono, ĉu al Parizo aŭ Novjorko, ĉie regas la krimo en ia formo. Ĉie oni trovas tiujn kvartalojn, kie la prostituado estas terura.
En tiaj kvartaloj ankaŭ vivas infanoj kaj gejunuloj. Ili vivadas en tiu malklara sfero de malĉasteco kaj maturiĝas en tiu abomena medio. Ili ne konas la agrablan, hejman vivon, kaj intima komuna vespermanĝo estas al ili fremda.

Dum sia junaĝo ili interkonatiĝis kun la senkompata vivo. Ili vidas kiel policistoj arestas iliajn patrojn kaj patrinojn. Ili estas ĉeestantoj de akraj disputoj inter iliaj gepatroj kaj de la vizitoj ĉe la patrinoj. Antaŭe ili ludis surstrate kaj lernis kiel eble plej oportune ŝteli ion, kaj ankoraŭ pli frue.....
ho karaj geamikoj, mi ĉesu la skribadon pri tiom da mizero. Eble vi jam konas tian situacion kaj povas sekvi miajn pensojn

Feliĉe estas homoj, kiuj komprenas, ke la vivo por tiuj gejunuloj povas esti tute alia, montrante tion per la prezentado de la bela flanko de la vivo.
Tiuj gejunuloj povas lerni profesion kaj do povas iri alian vojon en la vivo.
Estas rimarkinde, ke multaj el ili havas bonan intelekton kaj ofte ricevas bonajn oficojn en la socio.

Ekzistas asocio, kiu protektas tiujn kontraŭ la enabismiĝo de honto kaj mizero.
Nuntempe estas eĉ multaj tiaj asocioj, kiuj laboras en diversaj kvartaloj de la urbo, sed por unu el ili mi volas peti vian atenton nome, la asocio *Pro Juventuto*, unu el la plej malnovaj.
Dum kelka tempo mi estis gvidanto de tiu ĉi grupo kaj speciale de grupo da knaboj, kiuj admiras la tropikajn akvariojn.
Mi migris kun ili tra la naturo. Ho, se vi nur povus konstati kiom tiuj dezertaj knaboj moliĝis dum la naskiĝo de birdidoj kaj fiŝidoj ktp.
Ili vidas la alian flankon de la vivo kaj forgesa la momenton, en kiu ili sentis la impulson forpreni ion, kio ne apartenas al ili.

Nun tiuj knaboj deziras ankaŭ kolekti poŝtmarkojn kaj volonte el la tuta mondo. Kion mi povas fari pli efike ol peti al miaj tutmondaj esperantistaj geamikoj ? Sendu multnombre bildkartojn al tiuj ĉi knaboj ! Tiam ili ricevos la deziratajn poŝtmarkojn, krom bildojn el la tuta mondo, kaj se vi skribos kelkajn esperantlingvajn vortojn sur la karto, ili ankaŭ ekscios pri nia mondlingvo.

Ne hezitu, multaj knab-okuloj rigardas vian agadon. Jen estas la adreso:
*Junulara Laborejo *Pro Juventuto**
*Galery 6-7, Amsterdamo, Nederlando.*

Anticipe vin dankas pro via kunlaboro, via A.Blickman, Schouwstraat 16, Amsterdam-N.

* * *

## 5a IFEF-KONGRESO (5-10/5 1953) EN UTRECHT- NEDERLANDO

**2a Komuniko**: En ĉi tiu komuniko ni publikigas kelkajn ciferojn.

**Kongreskotizo**: Kongresano 10 Nederlandaj Guldenoj; familiano 5 Guldenoj.

**Vizo**: Senkosta. Detalaj informoj sekvos.

**Varma Manĝaĵo**: 1.25 guldenoj en la Universitata domo. (la manĝoĵo ne estas servata)
2.50 - 4.00 guld. en hoteloj kaj restaŭracioj (ekskluzive la servmono)

**Tranoktado**: 3.50 - 4.00 - 4.50 - 5.00 guld. ĉe privatuloj.
4.50 - 5.00 - 5.50 - 6.00 - 7.00 - 8.00 guld. en hoteloj.

La prezoj estas enkluzive la matenmanĝo, sed ekskluzive la servmono. Tranoktado ĉe samideanoj estas senkosta, sed ni petas ke vi uzu la varman manĝaĵon en la Universitata domo.
La prezoj estas por unu persono kaj laŭ la nuna situacio. Ni esperu, ke ili ne plialtiĝos.
La aliĝilojn ni forendos en la monato januaro.
Ni petas, se vi bezonas respondon, aldoni respondkuponon (Nederlandanoj aldonu poŝtmarkon)

K.Brouwer, Schutstraat 36 bis, Utrecht.

## VIZITO AL LA 24A ITALA NACIA ESP-KONGRESO

Post afabla invito de nia ano s-ro Zacconi, kelkaj IFEF-estraranoj vojaĝis al Italio por partopreni la nacian esperantokongreson en Bologno, de la 6a ĝis la 10a de septembro.
Tie ni ĝuis, krom la bonegan kongreson, la varman amikecon de multaj el niaj IFEF-anoj, kiuj klopodis kvazaŭ superi unu la alian por agrabligi al ni la restadon en ilia bela lando.
Fiere ni konstatis, ke ankaŭ en Italio la fervojistoj multe kontribuas al la prospero de la nacia esperantomovado.
La bonega organizado de la kongreso ek zemple estis grandparte la meritplena laboro de nia ŝatata ano s-ro Guiseppe Zacconi, la sekretario de la O.K.K.
Prezidanto estis s-ro Raffaele Bagnulo; viĉ-prezidanto nia ano inĝeniero Otello Nanni. La diligenta IFEF-ano D-ro Schuhmann de la Germanaj Federaciaj Fervojoj prelegis pri la temo *La Internacia Sociala Turismo kaj la Fervojoj*.
Nia amiko D-ro Borione raportis pri la financa stato de la movado.
Multaj eminentuloj Italaj akceptis la honorkomitatecon de la kongreso.

Dum la kunsidoj ni multe ĝuis la lertan gvidadon de la kongresa prezidanto s-ro profesoro Canuto, kaj kun admiro ni aŭskultis la elokventan paroladon de D-ro Lapenne.

La interkona vespero en la provinca domo, la vizito al la urbodomo, kie la urbestro akceptis la kongresanojn, kaj la ekskurso al Ravenna, kie la urbestro dum la afabla akcepto anoncis ke okazos Espkurso por la Komunumaj Oficistoj, estis kelkaj brilaj okazintaĵoj de la kongreso

La loĝantaro de Bologno tre amike rilatis al la kongresanoj.

En la fervojista fakkunveno niaj anoj vigle diskutis la problemon ĉu eblas organizi Ifef-kongreson en Italio.

La restado en Italio renovigis nian entuziasmon por nia idealo.
Ni kredas kaj esperas ke la itala esperantomovado post ĉitiu bonega kongreso multe prosperos.

## KORESPONDPETO

Sendu amase poŝtkartojn, prefere ilustritajn kaj filetele afrankitajn, kaj grandan materialon por varbi novajn lernantojn al ĜIENA ESPERANTO-GRUPO, 10 RUE d'AUTRY, GIEN (LOIRET) FRANCIO.

## PRI LA LINDAŬA KONGRESO

Aperis artikoloj en *Notre Metier* de la francaj fervojistoj, en *La Semanto* de la svisaj lab. esp. en *Bulletin* informilo de la Eŭropaj fervojoj, en *Vlagnieuws* kaj *De Band* organoj de la nederlanda transport entrepreno *van Gend en Loos*.

## SUBTERE TRA BRUSELO

Bruselo havas sian fervojan ligon Norda-Suda. Sabaton la 4an de septembro reĝo Boudewijn oficiale malfermis ĉi tiun ekstreme modernan subteran fervojon havantan longecon de tri kilometroj.
Ĝi anstataŭas la ĉirkaŭvojon de dek du km, kiun antaŭe devis suriri la trajnoj de Flandrio al Walonio, do ankaŭ la internacia vagonaro de Amsterdam al Parizo.

Depost 1911a oni laboris pri la bezonataj stacidomoj, tuneloj ktp, sed pro ambaŭ mondmilitoj tiu laboro grave stagnis. La kostoj jam nun sumiĝas kvin miliardoj da frankoj, sed la tuta sumo sendube estos pli alta, ĉar ankoraŭ nur du el la ses linioj estas tute pretaj.

Laŭlonge de la Norda Bulvardo kondukanta al la same nova Centra stacidomo aperos novaj konstruaĵoj, tiel ke la ĉefurbo havos treege modernan centron, kelkajn paŝojn for de la malnova centro kun siaj mezepokaj konstruaĵoj.

La Centra stacidomo mem estas miraklo de genieco.
La granda giĉeto-halo, tegita per itala marmoro, ne havas pordojn, sed *aerokurtenojn*, t.e. strioj de rapide fluanta varma aero, kiuj malebligas ĉian trablovon de ekstere.
La plafono konsistas el vitrobetono.
La varmigado en la vintro kaj la malvarmetigo en la somero okazas pere de la pavimeroj, kiuj laŭdezire povas esti varmigataj aŭ malvarmigataj.

En la urbo mem, inter Bruselo-Suda- kaj Bruselo-Norda stacioj, oni konstruas du novajn haltejojn.
Subtere regule funkcias elektraj trajnoj tiel ke ankaŭ Bruselo nun havas sian *Metro* (subtera fervojo).

En 1903a oni jam planis ĉi tiun novan interligilon; tamen la konstruado, kiu ankoraŭ daŭras, komenciĝis nur en 1911a. La Centra stacio nun ankaŭ akiris sian senperan interligon kun la flughaveno Melsbroek kaj per tio Bruselo estas la unua ĉefurbo en Eŭropo, kiu interligas laŭ tiu maniero la fervojon kun la aviado.

## ANSTATAŬ JARLIBRO

Por faciligi la reciprokan kontakton inter ladiversal landoj, ni ĉisube presigas la nomojn kaj adresojn de la prezidanto, sekretario kaj kasisto de IFEF, kaj de ĝiaj landaj organizoj. Por tiuj landoj, kiuj eldonas propran organon, ni aldonas ankaŭ la nomon kaj adreson de la koncerna redaktoro. En la januara bulteno ni intencas aperigi, je la servo de niaj membroj, la adresojn de la diverslandaj reprezentantoj. Eventualajn adresŝanĝojn ni mencios en *Bulteno*.

## ĈEFESTRARO DE I.F.E.F.

*Prez:* W.Stapel, Woubruggestraat 25/II, Amsterdam (W), Nederlando.
*Sekr:* J.Lok, Orteliusstraat 108/III Amsterdam (W), Nederlando.
*Kas :* W.Biesheuvel, Ceramplein 30/I Amsterdam (O), Nederlando.
*Red :* K.G.J.de Jong, von Liebigweg 26 Amsterdam (O), Nederlando.

## LANDAJ ESTRAROJ

**Aŭstrio:**

*Prez:* J.Sighartner, Frankstrasse 57/II Linz (Donau), Aŭstrio.
*Sekr:* J.Bürger, Starhembergstrasse 15 Linz (Donau), Aŭstrio.
*Kas :* A.Angermayer, Hugo Wolfstrasse 6 Linz (Donau), Aŭstrio.

**Aŭstralio:**

*Prez:* J.L.Herrin, 9 Egan Street, East Brighton S 6 (Victoria)
*Sekr:* E.Crowe, 102 Shaftesbury Street Coburg (Victoria)
*Kas :* La adreso de la sekretario.

**Belgio:**

*Prez:* A.F.Beireas, Statieplein 27 Lokeren Belgio.
*Sekr:* L.de Bruyne, C.Verhaevertstraat 83 Halle / by Brussel.
*Kas :* M.Brys, Statiestraat 9,Wachtebeke
*Red :* Adreso de la sekretario.

**Britio:**

*Prez:* vakanta pro la morto de kolego Dukes
*Sekr:* C.S.Parry, 80 Sheringham Avesnee, Southgate, Londono N 14.
*Kas :* Adreso de la sekretario.

**Danlando:**

*Prez:* N.C.Thorsted, Kaalundsvej 3 Aarhus, Danlando.
*Sekr:* J.Christoffersen, Hallssti 43 Aarhus, Danlando.
*Kas :* J.Kensing, Stadion Alle 20, Aarhus,
*Red :* K.Stampe, Rosengaarden 11, Aarhus

**Finlando:**

*Prez:* A.Korpi, Porvoo (asema) Finlando.
*Sekr:* A.Ruhunainen, Helsinginkatu 6 B 50 Helsinki P.
*Kas :* Adreso de la sekretario.

**Francio:**

*Prez:* F-ino G.Lemonnier, 5 bis rue Bourgeois Paris 14 éme.
*Sekr:* R.Retault, 11 rue de Milan, Paris 9e
*Kas :* S-ro Pilleboue, 10 rue George V Maisons Lafitte
*Red :* G.Delaquaize, 6 rue des Chasseurs Argenteuil (S & O)

**Germanio:**

*Prez:* H.Pape, Seestrasse 7, Groslotbek-Hamburg
*Sekr:* Erich Ebeling, Bielfeldtstrasse 13 Hamburg (Altona)
*Kas :* F.Hartjen, Hahnenkamp 9 V Hamburg (Altona)
*Red :* A.Simon, Pariserstrasse 100 Kaiserslautern.

**Italio:**

*Prez:* Vakanta
*Sekr:* de A.I.F.E., Dopolavoro Ferroviario Via XX Settembre 17, Verona.
*Kas :* Z.A.Pagan, Via A. Soliere 270 S.Michele-Verona.
*Red :* Adreso de la sekretario.

**Nederlando:**

*Prez:* J.J.Labordus, Kenaustraat 26 Zuilen.
*Sekr:* G.G.van Veldhuizen, Crenerstraat 166 Utrecht.
*Kas :* J.Vermaak, Rijnlaan 197, Utrecht
*Red :* H.Becker, Leliestraat 31,Utrecht

**Norvegio:**

*Prez:* M.Carlsen, Markveien 23/III, Oslo
*Sekr:* S-ro Kolbrek, Odd Töiengt 21, Oslo
*Kas :* J.Sundhagen, Delenenggatan 29/IV Oslo.

**Svedio:**

*Prez:* Hjalmar Olssen, S:t Eriksgatan 85 Stokholmo Va.
*Sekr:* B.Örtengren, Schultz väg 39, Ulriksdal.
*Kas :* J.Nordin, S.J. bost 9/I, Ulriksdal

**Svisio:**

*Prez:* H.Bipp, Oberwiesenstrasse 6a Zürich 6/67
*Sekr:* W.Sonderregger, Albertstrasse 3 Zürich 5
*Kas :* H.Noll, Sonnenbühlstrasse 299, Dietlikon, Zürich.